# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

22a jaro Aprilo 1970 N-ro 2



*Ravenna: Baziliko de Sankta Apollinare Nuovo — fasado kaj sonorilturo*




F. I. S. A. I. C.

*Dopolavoro Ferroviario*

I. F. E. F. — I. F. E. A.

*Internacia Fervojista Esperanto - Federacio*

# 22-a Internacia Fervojista Esperanto-kongreso

RIMINI (Italio) de la 16-a ĝis la 22-a de majo 1970.

*LA LOKA KONGRESA-KOMITATO DE LA 22-a I.F.E.F.-KONGRESO*

Konstanta Adreso: Via Donato Creti, 61 1-40128 BOLOGNA (Italio).

Lastaj tagoj antaŭ la Kongreso: ĉe «DOPOLAVORO FERROVIARIO». Viale Regina Margherita, 109 I-47037 RIMINI (Italio).

Akceptejo: Turisma Oficejo, maldekstre antaŭ la stacidomo.

Kongresejo: Teatro Novelli aŭ Palazzina dell'Azienda Aŭtonoma di Siggiorno.

Kongreskotizo: Ĝis 30.4.1970: 6000 italaj liroj, familiano, pensiulo, junulo ĝis 21-jaroj pagas la duonon.

LA KONGRESKOTIZO NE ESTAS REPAGEBLA.

Bankkonto: C/C N.ro 02486 de D.L.F. ĉe Banca Nazzionale delle Comunicazioni, Via Rizzoli 20, I-40100 Bologna.

Glumarkoj: Vi povas mendi ilin rekte de LKK. Prezo: 50 italaj liroj po folio da 4 glumarkoj. Ek de 10 folioj senpaga sendo.

Aliĝiloj: Se mankas al vi aliĝilo, b.v. peti ilin de LKK, aŭ de la landa peranto.

Statistiko de la aliĝintoj ĝis 10.3.1970: Aŭstrio 18, Britio 4, Bulgario 111, Belgio 2, Ĉeĥoslovakio 12, Danlando 17, Francio 58, Germanio 67, Hispanio 39, Hungario 58, Italio 56, Jugoslavio 29, Kanado 2, Nederlando 14, Norvegio 9, Pollando 32, Rumanio 13, Svedio 14, Svisio 10, USA 1. Entute 566.

— Bonvolu mencii ĉu vi partoprenos la ekskursojn aŭ ne, eĉ se vi ne pagas ilin samtempe kun la aliĝo. LKK bezonas tiujn informojn kaj ne povas garantii lokon al tiuj, kiuj ne antaŭe anoncis sin. Tiuj, kiuj jam sendis ne kompletan aliĝilon povas informi al LKK pri sia intenco partopreni la ekskursojn.

— Postkongresa ekskurso al Romo- Petu informojn ĉe D-ro Alberto Menabene, Via Monti sibillini, 3 I-00141 ROMA.

VENU MULTNOMBRE AL LA 22a IFEF-KONGRESO!

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO
Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio
Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio
Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio

# RIMINI KUN ĈIRKAŬAĴOJ

Rimini, kun sia pli ol 15 km. longa banstrando, kun milda klimato kaj blua maro, estas famkonata inter turistoj el la tuta mondo..

Rimini estas vera perlo de la Adria Maro, kun tradicio kiel turisma centro dum pli ol 100 jaroj, sed kun 3000-jara historio, ĉar la etruskoj fondis la urbon.

Dum la epoko de Romanoj, ĝi estis grava fortikaĵo.

Pri tio atestas la arko de Aŭgusto kaj la ponto de Tiberio.

Dum la epoko de renesanco estis en Rimini famkonata lernejo por pentristoj.

Je tiu tempo la urbo estis centro por la Malatesta-familio, kiu estis feŭdalmajstroj de la regiono.



*La Malatesta Templo, kiu nun estas la katedralo de Rimini. En ĝi aranĝiĝas muzikfestivalo «Sagra Musicale Malatestina.»*

Kiel memoro je ilia granda signifo, la katedralo de Rimini portas la nomon «Malatesta Templo».

Vizitantoj kiuj envenas tiun katedralon, ne evitas ekvidi en ĝi specialan monogramon, nome la literoj S kaj I,-tio havas signifon.

En Rimini historio kaj legendo interplektiĝas en rakontoj pri amo kaj sango, tiel ke estas maleble distingi kie reala



*Rimini. De la interno de Malatesta Templo, sarkofago de Isotta. Rimarku dekstre la literojn I kaj S kunligitaj.*

historio finiĝas, kaj kie fantazia legendo komenciĝas.

La «S» estas simbolo pri Siĝismondo, kaj la «I» por Isotta,-personoj kiuj vivis en la urbo en la 15a jarcento.

Ke ambaŭ literoj alkroĉiĝas, estas simbolo pri la arda pasio kiu kunigis Siĝismondo kaj Isotta degli Atti, kaj la historio pri ili, estas ege dramatika.

Same ankaŭ la historio pri Paŭlo kaj Franciska, kiuj kiel Siĝismondo kaj Isotta degli Atti, estis de la Malatesta-familio.

Inter la multaj vilaĝoj ĉirkaŭ Rimini, Bertinoro estas speciale interesa.

Ĝi estas suna vilaĝo sur la pinto de samnoma monteto, kies deklivoj estas kovritaj de vinberarboj, kiuj donas delikatan kaj bongustan vinon je la nomo «Albana».

En la centro de Bertinoro staras kolono, kaj ĉirkaŭ ĝi estas multaj grandaj ringoj.

Legendo rakontas ke dum la mezepoko, la nobelaj familioj de Bertinoro estis konataj pro sia gastameco.

Ili kutimis disputi unu kontraŭ la alia, ofte kruele, kiu el ili havu la honoron gastigi la vojaĝantojn kiuj haltis en la vilaĝo.

Bertinoro en tiu tempo estis izola loko, kaj la enloĝantoj certe ŝatis kontakton kun la vojaĝantoj, kiuj sendube povis informi ilin pri novaĵoj de la ekstera mondo.

Por eviti la ĉiaman kvereladon pri kiu gastigu vojaĝantojn, ili venis al saĝa solvo.

Ili starigis la menciitan kolon, ĉirkaŭ kiu ili fiksis tiom da ringoj kiom estas familioj kiuj deziris gastigi vojaĝantojn. Kiam tiuj alvenis kaj ligis sian ĉevalon al unu el la ringoj, li estu gasto en la domo de la ringposedanto.

Kompreneble tiu bela kutimo nuntempe malaperis, tamen unu tagon dum la jaro — la tago de gastameco — la Bertinoranoj gaje invitas la vizitantojn al vespermanĝo.

Santarcangelo estas alia urbo en la proksimeco.

Dum la epoko de Romanoj ĝi estis sidejo de la armeo, kaj ĝia nomo estis Acerboli, aŭ Monto Jovis.

Dum la mezepoko Santarcangelo, simile al Rimini ludis gravan rolon en la vivo de la Malatesta-familio, sed eble estas pli interese ke estas grotoj en la urbo kiuj verŝajne estis loĝejoj por la etruskoj, kaj kiuj ankaŭ verŝajne servis kiel rifuĝejoj por la prakristanoj. Oni ankaŭ trovas ruinojn de pagana templo, kaj oni ne scias ĉu tiu estis konsekrita al Cerere — antikva diino de la rikoltoj, aŭ al Mitra — la orienta sundio.

Sur la fundamento de tiu pagana templo, oni en la VIa jarcento konstruis kristanan, laŭstile simila al Sankta Apollinare Nuovo en Ravenna. (Vidu la frontpaĝon bildon.)

Santarcangelo ankaŭ havas arkaĵojn de la 18a jarcento, honore al papo Klement XIV kiu naskiĝis en la urbo.

Eĉ en la nuntempaj moroj oni povas malkovri ion devenante de la antikva periodo.

Ekzemple en la trinkado finante kontrakton: — post ĉiu tostado oni elgutigas la glason, turnante ĝin alteren je la sama gesto per kiu la paganaj praavoj oferis al la dioj post la trinkado.

Longtempe Santarcangelo estis fama centro de bestfoiroj.

Nuntempe nur okazas unu el tiuj foiroj, nome dum la tago de Sankta Martino la 11an de novembro.

La urbo estas konata pro sia foiro de rostitaj kokoj.

Kiu vizitas la urbon tiatage ne povas forlasi ĝin sen gustumi unu el la miloj da kokoj, kiujn oni rostas malrapide per rostpikilo sur la trotuaroj; kaj tiu rostado disvastigas bonodoron tra la tuta urbo. Ĉie vendistoj vendas ĉiajn varojn, sur la stratoj svarmas miloj da homoj.

Dum tri foirtagoj krom bovidoj, porkoj kaj fiŝoj, oni konsumas preskaŭ 10 000 kokojn kaj 300 hektolitrojn da vino, — sufiĉe multe por urbeto kun 6000 enloĝantoj.

Sudokcidente de Rimini situas San Marino, kiu estas liliputŝtato je 61 km$^2$.

Tiun ŝtaton, kaj la urbon Rimini kun ĉirkaŭaĵoj, la kongresanaro vizitos dum duontaga ekskurso.

## Ravenna

Dum la kongreso ankaŭ okazos duontaga ekskurso al Ravenna, kaj jen iom pri ĝiaj vidindaĵoj.

*Baziliko Sankta Vitale:* Ĝi estas la plej granda kaj stilpura verko de bizancia arto.

Krom ĝia originaleco kaj beleco de la konstruaĵo je oklatera bazo, oni rimarkas ĝiajn valoregajn mozaikaĵojn kaj la abundajn marmorojn.

La plej interesaj mozaikoj estas la du imperiestraj vicoj

Unu el ili montras imperiestrinon Teodora kun ŝia sekvantaro, dum la alia montras imperiestron Giustinian kun liaj korteganoj.

*Maŭzoleo de Galla Plaĉidia:* Je latina krucformo: la internon oni dekoraciis per neimiteblaj mozaikoj, ili montras la 4 evangelistojn, apostolojn, cervojn ĉe fonto, kaj Sanktan Laŭrencon.



*Ravenna, mozaiko en Maŭzoleo de Galla Plaĉidia.*

*Sankta Apollinare Nuovo:* Ĝin konstruis la gota reĝo Teodoriko. (Vidu la frontpaĝon.) La fasadoj de la centra navo estas tegitaj de mozaikoj kiuj montras scenojn de la vivo de Jesuo, sanktulojn, profetojn, procesion de martiroj, kaj virgulinojn.

*Sankta Apollinare in Classe:* En la surstarejo oni vidas tre ŝatindajn mozaikojn inter kiuj reliefiĝas la alegoria reprezentaĵo de la transfiguro de Jesuo en la absida kuvo.

NB! Okaze de la ekskurso al Ravenna ĵaŭde 21.5., estas en tiu ŭrbo inaŭgurata «Strato L. L. Zamenhof». Tial partoprenu multnombraj en tiu ekskurso!

## Bologna

Dum la lasta kongrestago, aranĝiĝos tuttaga ekskurso per trajno al Bologna.

Tiu urbo estas ĉefurbo de la regiono Emjlia kaj de la samnova provinco, kaj ĝi estas centro por komerco kaj industrio kaj ankaŭ grava fervojnodo. En Bologna estas la plej antikva universitato de Eŭropo, tial la urbo havas reputacion kiel kulturcentro.

Dum la etruska epoko ĝia nomo estis Felsina, kaj la urbnomo dum la epoko de Romanoj estis Bononian, poste-dum la mezepoko la urbo fariĝis potenca komunumo.

Menciindaj kiel la plej belaj kaj interesaj monumentoj estas: Baziliko Sankta Petronio, la preĝejoj Sankta Dominiko kaj Sankta Jakob, ĉiuj el la 13a jarcento, la turoj Asinelli kaj Garisenda, la fontano de Neptuno, la Arkigimnazio, Palaco reĝo Enzo, Palaco de Notarioj, Palaco de Merkantoj, Palaco de d'Accursio, Palaco Bevilacqua, kies korto estas ĉarmega.

— Lastan tagon de la kongreso vendrede 22.5.: la ekskurso al Bologna estos tre alloga ĉar en la prezo estos enkalkulita la trajna vojaĝo de Rimini al Bologna kaj reiro; aŭtobusekskurso tra Bologna kaj ĉirkaŭaĵo; iro kaj reiro al «Castel San Pietro Terme» fama kuracloko, kun vizito de la urbeto kaj varmbanejoj, akcepto de la urbestro, inaŭguro de strato L. L. Zamenhof kaj komuna tagmanĝo en la fama Restoracio de la varmbanejoj.

Prilaborita laŭ fontoj de LKK, de Per Johan Krogstie.

## POR LA JUNULARO

Nia 11a Skisemajno en Ĉeĥoslovakio 31.1.—7.2.70

Pro la fakto, ke la pasintaj skisemajnoj okazis 10foje en Aŭstrio sub la lerta gvidado de J. Geroldinger, la organizantoj de la 11a skisemajno dekomence konsciis, ke ili ne povos konkuri kun la perfekta preparado de la antaŭaj aranĝoj. Bedaŭrinde la espero, ke al Ĉeĥoslovakio

venos pli da partoprenantoj el orientaj landoj, ne realiĝis, ĉar la poloj havis malfacilaĵojn financajn, la rumanoj ne ricevic vizojn kaj d-ro Ferenczy el Hungario kiel kuracisto ne povis veni, pro la gripo. Do restis 10 aŭstraj, 27 francaj kaj 4 germanaj inter 14 ĉeĥoslovakaj ĉeestantoj.

La du kuraĝaj junaj esperantistoj Ladislao Kovar kaj Ladislao Lani laboregis dum pluraj monatoj por ebligi al ni harmonian semajnon kun varia programo. Ili ambaŭ certe ne kulpis, ke la jam fama skisemajna etoso ne ripetiĝis, ĉar etoson oni nek povas organizi nek krei. Ĝi dependas de multaj ŝajne bagatelaj eroj kaj detalaĵoj. Por estontaj skisemajnoj mi rekomendas inviti nur esperantistojn: necesas, ke la partoprenantoj konu almenaŭ pri minimuma vorttrezoro kaj sincere klopodu apliki ĝin.

La komuna alvojaĝo komencis en speciala kuŝvagono de Prago al Zilina, kie oni alvenis sabatmatene je la 6a horo. Per aŭtobuso ni daŭrigis la veturon 30 km tra la montaro Mala Fatra al la valo Dolina, kie situis nia domo Chata pod Sokolim.

Kortuŝa estis la akcepto flanke de le ĉeĥoslovakaj esperantistoj. Por saluti nin vizitis nian por ili malproksiman domon s-ro Tvarozek, vicprezidanto de la landa Esperanto-Komitato, kaj s-ro Blazek, prezidanto de la ĉeĥoslovaka IFEF-sekcio. Ambaŭ alportis kiel premiojn belegajn grandajn vazojn el la fama bohemia kristalo, veraj juvelaĵoj, kiuj turnigite sub lumo ekbrilis en tuta skalo da koloroj! La organizintoj sekvis grandparte la jam tradiciajn programojn. Ni do vidis diapozitivojn, havis gajajn ŝercludojn kaj dancis iomete. Novan akcenton alportis s-ro Hrabi kun ludprovo de ĉeĥoslovaka pupteatro laŭ teksto de prof. Skuba. Perfekte li sukcesis translokigi nin en la mondon de Spejbl (patro) kaj Hurvinek (filo), kiuj estas famaj marionetfiguroj en ĈSSR. Laŭdinde ankaŭ estis, ke jam dum la semajno oni povis aĉeti belajn fotojn faritaj dum la aranĝo mem, sed kiel mankon oni sentis la nericevon de partoprenantlisto. Dumtage la anaro disiĝis en la konataj tri grupoj: skiveturantoj, komencantoj en tiu sporto, kaj neskiantoj. Speciale la dua grupo ĝojis pri la ideala tereno por komencantoj kaj ili senlace eluzis la eblecon imiti la «grandajn majstrojn», fojfoje sub la atentaj okuloj de Jan Mikeŝ, kiu agis kiel skiinstruisto, sed en civila vivo estas dentisto. En la trian grupon ĉi-foje vole-nevole sin intermiksis tiuj sportemuloj, kiuj vane esperis lupreni skiojn surloke; konsolo por ili estis kelkaj haveblaj sledoj.

La montara regiono estis belega. Kvankam nia domo situis en alteco de nur 670 m la pejzaĝo ne havis mezmontaran aspekton, ĉar la «miluloj» troviĝis tutapude. Unu tagon ni dediĉis por ekskurso al la regiono de Altaj Tatroj. Ni elektis kiel celon Strbske Pleso, fama kuracloko, kie semajnon poste komencis la vintra mondkonkuro FIS pri la skandinaviaj disciplinoj; la televido detale raportis pri tio. Densaj nuboj ĉirkaŭ la montopintoj kaj malrapidega hotelservo ĉe la tagmanĝo malhelpis plenan ĝuon de tiu ekskurso al la plej malgrandterena altmontaro de la mondo. Revene ni renkontiĝis kun la ceteraj IFES-anoj, kiuj tiun tagon eluzis por havi rendevuon kun la lokaj esperantistoj de Zilina, kie ili havis varman akcepton en la sindikata domo. Ankaŭ ĉi-jare okazis lingvaj konkuroj, kiuj estas jam tradiciaj. La lastan tagon oni vetskiadis kaj vespere estis karnavala amuzado. Iom malhelpis la gajan atmosferon, ke ni unue nur povis danci laŭ diska muziko kaj kiam fine post noktomezo alvenis la muzikistoj (2 esperantistoj el Ĉeska Trebova) tro



*La IFES-anoj antaŭ nia domo chata pod Sokolim en Vratna Dalina, Mala Fatra, dimanĉon, la 1an de februaro 1970.*

baldaŭ la kelneroj decidis, ke nun estu fino. Kiel kelkaj senlacaj ĉirkaŭiris tiun decidon, mi ĉi tie ne malkaŝu, ĉar mi estis meze inter ili . . . pardonon mi petas!

Koran dankon ankoraŭfoje al la du organizintoj, kiuj nek timis laboron nek rezignis pro malfacilaĵoj kaj certe ofte cerbumadis, kiamaniere venki neatenditajn malhelpaĵojn. La sportemuloj esperas, ke por la venonta jaro invito por IFES venos el Italio.

*Elisabeth Ritterspach.*




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

La estraro sendis salutojn al la jarkunvenoj en Britio, Hungario, Norvegio kaj al la Internacia Skisemajno en Vátra (ĈSSR).

Same ĝi dankas pro la alvenintaj salutoj de la partoprenantoj el Polio, el la loko de la skisemajno en Ĉehoslovakio kaj el Hungario. La IFEF-sekcio el Hungario bone informis nin per jenaj linioj: «La kunvenon partoprenis reprezentantoj de Aŭstria kaj Jugoslavia IFEF-organizaĵoj kaj aparte delegito el Maribor. Salutleteroj alvenis i.a. el Aŭstrio, Bulgario, Ĉehoslovakio, DDR, Italio, Litvanio, Nederlando, Polio, Rumanio, Sovetunio kaj Svisio. Estis reprezentata la Sindikato de la Hungaraj Fervojistoj, generaldirekcio de MAV kaj niaj fakaj grupoj el 18 fervojaj nodoj.»

*Peto:* La estraro nur povos sendi salutojn al jarkunvenoj, kiuj estas al ĝi konataj. Bonvolu informi la sekretariejon sufiĉe frue.

Al la Esperanto-grupo en Brn (ĈSSR) ni direktas koran dankesprimon por la alsendita broŝuro.

La LKK Rimini sukcesis eldoni diversajn prospektojn en Esperanto ekc. pri Rimini, Bologna kaj atentigis per diversaj gazetartikoloj pri la 22a kongreso. Koran gratulon al niaj diligentaj LKK-anoj.

*

En germana gazeto «Bild am Sonntag» oni favore atentigis pri noveldono de Esperanto-prospekto de nederlanda ferioloko Zwolle. Gratulon al niaj nederlandaj kolegoj, kiuj instigis la urbajn instancojn.

*

Krome la nederlandaj kolegoj aperigis en diversaj gazetoj artikolojn pri la uzo de internacia lingvo. Dum kelkaj monatoj ili pendigis en multaj stacioj afiŝojn kaj eldonis al la personaro flugfolion en

kvanto de 3500 ekzempleroj, tiamaniere varbante kursanojn.

*

Pri la nova prospekto de la finnaj fervojoj ni jam raportis. Sed aperis du aliaj, unu pri la tuta Finnlando kaj unu pri la urbo Helsinki. Ambaŭ prospektoj bone impresas.

*

La estraro ankaŭ dankas al Ĉeĥoslovakaj kolegoj en Česka· Trebova, kiuj sukcesis atingi eldonon de bela kajero, en kiu estas priskribita la historio kaj vidindaĵoj de ilia urbo kaj ties ĉirkaŭajo.

*

Ĝojiga informo.

En lasta momento antaŭ la presigado de n.ro 2, la kasisto informas, ke li ricevis la kotizpagon de la bulgara landa asocio. Sekve IFEF nun havas 3001 membrojn. Depost la fondiĝo en 1950 daŭre estis progresoj.

## Post longjara aktivado

Hodiaŭ ni havas la tre agrablan, sed ankaŭ iomete malĝojigan taskon, direkti dankon al du kolegoj, kiuj dum longa tempo dediĉis siajn fortojn kaj tempon al nia federacio. Adiaŭis de sia ĝisnuna posteno

la prezidanto de la Franca Fervojista Esperanto-Asocio, kolego Guy *Delaguaize*. Kiel li mem akcentas en la novembra numero de «Esperanto-Fervojisto», li faris tiun paŝon pro personaj kaŭzoj. Tio donas la esperon, ke iun tagon tiuj personaj cirkonstancoj tiel ŝanĝos, ke li denove povos transpreni taskon en la fervojista movado. Ĝis tiam li vivos, dirite per liaj propraj vortoj, «iom ekstere de la centra agado kaj rigardas, aŭdas, legas, opinias kaj skribas». Kaj cetere li «provos helpi al siaj posteuloj». Tio estas bonkora promeso, ĉar certe posteulo ĉiam kontentiĝas, kiam antaŭulo sincere kaj senpretende helpas al li.

La alia kolego, kiu ne plu deziras aktiviĝi momente, estas

kolego L. de Bruyne en Belgio, longjara prezidanto kaj sekretario de la Belga Esperanta Fervojista Asocio. Ankaŭ li pro personaj kaŭzoj devis forlasi sian postenon en nia movado samtempe promesante, ke li disponigos siajn konsilojn kaj spertojn, se tio necesos. Ankaŭ de li ni tamen esperas, revidi nian sufiĉe junan kolegon iutage denove kiel aktivan kunlaboranton.

Al ambaŭ kolegoj, kiujn ni konas dum longaj jaroj kiel bonajn, seriozajn amikojn, kiel homojn, kiuj ne timis oferojn je tempo kaj nervoj, kiuj ambaŭ estis plej elstaraj gvidantoj en IFEF-kongresoj kaj dum la tuta tempo de sia agado, decide influis la vojon de siaj landaj asocioj, al tiuj du amikoj ni kore kaj plej sincere dankas nome de la tuta federacio petante ilin ĉiam ludoni al ni siajn spertojn kiam necese. *Estraro*

## Jarraporto de la sekretariejo pri 1969

*Interna estrara laboro*

Pasis la unua jaro sub gvidado de internacia estraro, kies tasko ne estas, prijuĝi en tia raporto sian propran agadon. Sed ĉiukaze oni rajtas konstati, ke la kunlaborado de la kvin estraranoj estis tre amika kaj daŭris seninterrompe dum la tuta jaro, ĉefe per korespondado. Tamen ankaŭ okazis krom la kongreso du estrarkunvenoj (Schwarzach en Aŭstrio, Aŭgsburg en Germanio). En Schwarzach ankaŭ la ĉefkomitatano ĉeestis dum certa tempo. Traktaĵpunktoj de tiuj kunsidoj estis la plibonigo de diversaj organizaj

aferoj, la estonta aspekto de la internacia organo, laborplano kaj ties plenumo, kasaferoj, rilatoj al aliaj organizaĵoj, statutaj problemoj, kongresaj aferoj kaj aliaj. Konekse al la laborplano funde estas diskutita la propono el Avignon, eventuale krei internacie uzeblan afiŝon. Estas faritaj du provizoraj skizoj de profesia grafikisto kiel diskutbazo.

*Niaj mortintoj*

Ni rememoru niajn mortintojn el la pasinta jaro, inter ili eminentajn membrojn:

Hugo Steiner, Aŭstrio, fondinto de la Internacia Esperanto-Muzeo en Wien (Okaze de la entombiga ceremonio ni sendis kondolencon al la familio)

Edward Rosher, Britio, longjara kunlaborinto en terminaraj aferoj,

Tom Scott, Britio, fakprelegis en la kongreso Stoke-on-Trent,

Carl-Johannes Rummel, Germanio, longjara prilaborinto de la kultura fako ĉe DB,

Sigurd Rounge, Norvegio, longjara membro,

Edzino de kolego Chapellier, Francio.

*Viglaj kontaktoj inter estraro kaj landaj asocioj*

Laŭ lastjara decido la estraranoj klopodis viziti kiel eble plej multajn landajn asociojn, prefere ties elstarajn naciajn aranĝaĵojn.

Jenaj vizitoj okazis:

Prezidanto: *Dana jarkunveno* en Aarhus (marto), tie kontakto kun la landa gvidanto de FISAIC,
*Rumana landa asocio* en Brasov (septembro) kun kontaktoj en la fervoja direkcio kaj prelego okaze de la 60a jubileo de IFEF. Survoje mallonga restado en Budapest.
Partopreno en la *ĝenerala kunveno de FISAIC* en Madrid (septembro) — vidu sub «eksteraj rilatoj» — Survoje mallonga vizito en *Barcelona* okaze de la inaŭguro de tiea klubejo (septembro).
*Germana jarkunveno* en Aŭgsburg (oktobro) (estrarkunveno)

Vicprezidanto: *Hungara jarkunveno* en Budapest (februaro)
*Germana jarkunveno* en Aŭgsburg (oktobro)

Sekretariino: *Ĉehoslovaka landa asocio* (aŭgusto), Praha, Ĉeska Trebova kaj aliaj lokoj, Kontakto kun oficialaj instancoj pro preparo de la 24a IFEF-kongreso. Diverslokaj prelegoj pri 60 jara IFEF.
*Germana jarkunveno* en Aŭgsburg (estrarkunveno)
*Franca jarkunveno* en Parizo (novembro)

Kasisto: *Ĉehoslovaka landa asocio* en diversaj lokoj (februaro)
*Universala Kongreso* en Helsinki (aŭgusto)
*Itala jarkunveno* en Como (septembro)
*Germana jarkunveno* en Aŭgsburg

Redaktoro: *Germana jarkunveno* en Aŭgsburg

*Salutojn* sendis la sekretariino nome de la estraro al tiuj elstaraj aranĝaĵoj, kiuj *antaŭe* estis konataj, nome al la jarkunvenoj de:

Belgio, Britio, Ĉehoslovakio, Hungario, Jugoslavio, Norvegio, Svisio, kaj al la japanaj kolegoj.
al la 10a Internacia Eŭropa Fervojista Skisemajno,
al la trilanda renkontiĝo en Arnoldstein,
al la internacia kongreso de la Unuiĝo de staciestroj

*Honorigo:* La redaktoro Per Johan Krogstie ricevis flanke de la Norvega Esperantista Ligo la ordenon «Pro Merito» kiel 2a kavaliro.

*21a kongreso*

Ĝi okazis de la 17a ĝis la 23a de majo en Avignon (Francio), tre taŭga loko por IFEF-kongreso. La franca landa asocio zorgis, ke eminentaj gastoj el fervoja, departementa kaj komunuma administracioj trovis okazon konatiĝi kun esencaj trajtoj de la Internacia Lingvo, same kiel la prezidantaro de FISAIC estis reprezentita. Ni ne parolu ĉi tie pri la kongresprogramo, sed limigu nin je la mencio de fakaj elstaraĵoj, ekzemple:

- efika fakprelego pri aktuala nuntempa temo «La francaj fervojoj kaj la grandaj rapidoj», kiu trovis vastan eĥon — tradukita en naciajn lingvojn — ankaŭ en aliaj landoj, precipe en Germanio.
- prezento de du terminaretoj flanke de la hungara kaj norvega landaj asocioj, nova paŝo sur la vojo al pliperfektigo de nia faka lingvo kaj fakaj kontaktoj.
- prezento de rumana vortareto ja ne faka, tamen kreita de la apenaŭ unu jaron aĝa rumana landa asocio.

Dum la kongreso, kiu flanke de multaj partoprenantoj estas nomita «kongreso de ĝentileco», okazis honorigo de du meritoplenaj membroj flanke de FISAIC per ora medalo (eksprezidanto de Jong) kaj arĝenta (franca eksprezidantino Lemonnier).

Komisiono por kompletigo de la nuna statuto estas starigita.

Kiel kongresloko por 1970 elektiĝis Rimini (Italio) kaj prezentiĝis la landoj Jugoslavio por 1971, Ĉeĥoslovakio por 1972 kaj verŝajne Danio por 1973, Por ceteraj informoj prikongresaj komp. LIF 3/69.

*Raportado, informado, eksteraj rilatoj*

Helpe de cirkulera demandilo de la ĉefkomitatano ĉiuj landaj asocioj liveris *raportmaterialon,* tiel ke la estraro denove povis kompili detalan komentarion pri la agado de la landoj dum la antaŭa jaro. Tio estas tre bonvena same por povi kompari kaj stimuli kiel el dokumenta vidpunkto (v. LIF paĝon 48/49). Kiel «raportadon» ni ankaŭ konsideru la ekstrakton el la laborkunsidaj protokoloj de Avignon (LIF p. 46), kaj la raportojn pri la komisionaj laboroj, pri la junulara sekcio kaj ne laste, pri la daŭre okazintaj aranĝaĵoj sur nacia nivelo.

Minimume same grave estas la *informado,* kiun ni parte internen, sed ĉefe eksteren direktu. Ĝi estas unu el la plej gravaj taskoj, ĉar nur helpe de ĝi ni kapablas penetri en neesperantistajn rondojn. Sur tiu tereno la landaj asocioj jam celtrafe eklaboris. Krom la kongreso okazis multaj jarkunvenoj, al kiuj eminentuloj de fervojo, koncerna urbo kaj eĉ de la ŝtato estis invititaj. Daŭre ni plibonigas la kontaktojn al *FISAIC* (internacia kultura organizaĵo por fervojistoj). La IFEF-prezidanto estis invitita al la ĝeneralkunveno de FISAIC en Madrid kaj havis okazon partopreni en la diskutoj. Kelkfoje li povis forigi miskomprenojn kaj klarigi la situacion de IFEF. Esence subtenis lin kolego Bipp, Svislando. Krome la prezidanto faris 20 minutan prelegon en germana lingvo pri la taskoj kaj labormetodoj de la fervojistaj esperantistoj. La prelego estis tuj tradukita en la francan, krome en ambaŭ lingvoj aldonita al la posta protokolo, evidente tre efika informado. La rezulto de nia pacienca agado en la vicoj de la FISAIC-prezidantaro kaj delegitaro jam estas klare rimarkebla (v. LIF p. 97).

Alia prelego de la prezidanto okazis en «Eŭropa-seminario» de junaj oficistoj de la Germana Federacia Fervojo pri la temo «Esperanto kaj la nuna tempo» kun longa vigla diskutado. Pluran prelegon pri sia vizito en Ĉeĥoslovakio faris

la sekretariino en seminario de la granda germana fervoja sindikato GdED. La rilatoj al *UEA* estis bonaj. UEA regule provizas nin per dokumenta materialo bone uzebla por informado. En la Universala Kongreso, Helsinki okazis IFEF-kontaktkunveno kun fakprelego pri la finna persontrafiko (v. LIF p. 85 kaj 86). La kontaktoj al *SAT* ĉefe manifestiĝas per la ĉeesto de reprezentantoj en niaj kongresoj kaj jarkunvenoj. Pozitive ankaŭ evoluadas la rilatoj al TEJO kaj la amika ligo de eŭropaj staciestroj.

*Interkongresaj kontaktoj*

La ĉefkomitatano forsendis 4 cirkulerojn kaj adresaron pri funkciuloj al estraro kaj komitato, helpe de kiuj estas solvitaj diversaj problemoj. Tiu metodo certigas la kontaktojn ankaŭ dum la kongresoj kaj ebligas maturigi aŭ plenumi kongresdecidojn resp. prepari ilin.

*Evoluado en diversaj landoj*

Ekestis kontaktoj kun Hindio kaj Grekio, pri kies plura evoluado ankoraŭ nenio estas direbla. La kontaktoj kun kolegoj en Japanio daŭras esti promesplenaj. La japanoj i.a. okazigis fervojistan fakkunsidon, al kiu ni kontribuis per ekspozicia materialo. Tre ĝojiga estas la progresoj en nia plej juna landa asocio, en Rumanio, kiu ĝis nun ĉefe koncentriĝas en la regiono de Brasov. Inter la membroj estas multaj lokomotivestroj. En la popola universitato de Brasov intertempe ili sukcese inciatis Esperanto-kurson. Pli detalan superrigardon pri la evoluo de ĉiuj landaj asocioj donos la oficiala komentario kompilota el la landaj jarraportoj.

*Adoptantoj*

La estrara peto, pagi kotizojn por kolegoj el nepagipovaj landoj, havis neantaŭviditan sukceson. Aparte pozitiva estis la reago en Svedio, kie la fervojista sindikato interesiĝis por la afero. La bona rezulto permesis, envicigi en IFEF-on multajn kolegojn, kiuj ne povis trovi eblecon por mem pagi la kotizon (v. LIF p. 65) Necesas nun serĉado kaj kontaktoj kun adoptindaj kolegoj. Krom la 19 landoj kun asocio ni havas izolajn membrojn kaj adoptitojn en Aŭstralio, Brazilio, Grekio, Japanio, Maroko, Sovetio kaj Usono, entute do en 26 landoj.

*Gratulkartoj*

Por ŝpari tempon kaj afrankojn, la estraro presigis bonaspektajn gratulkartojn, kiuj estis senditaj al landaj asocioj, amikaj organizaĵoj kaj al eminentaj amikoj de IFEF.

*Korespondaĵoj*

En 1969 alvenis en la sekretariejo 368 leteroj (sen gazetoj kaj presaĵoj) kaj estas skribitaj 337 leteroj. Al tiuj ciferoj aldoniĝas la korespondaĵoj inter la estraranoj kaj krome kelkdeko da leteroj, kiujn la aliaj kvar estraranoj rekte forsendis.

*Membrostato*

Laŭ la listo pri membrostato en IF n.ro 1, paĝo 7, la membrostato kreskis de 2650 en 1968 al 2701 en 1969. Estas Britio kaj Germanio kiuj kontribuis al tiu pozitiva evoluo. Kontraŭe negative influis ĝin Bulgario, kiu ne sendis siajn kotizojn spite al insistaj petoj. La alvoko de la prezidanto en Varna «Ĉiu membro varbu almenaŭ unu novan membron», bedaŭrinde ne trovis kontentigan eĥon. Multnombraj estas la kaŭzoj, kiuj nuntempe komplikigas la kreskadon de kluboj kaj ligoj kaj daŭre malaltiĝas la fervojista personaro laŭnombre. Tamen, se ni mem estas konvinkitaj pri la bona kvalito de nia afero, ni devus kapabli konvinki ankaŭ aliajn. Ne ekzistas alia alternativo: aŭ rezultplene varbi kaj ekzisti, aŭ iom post iom morti.

Frankfurt (M), la 11an de februaro 1970.

Sekretariino *E. Kruse*

## Jarraporto de la redaktoro pri 1969

Dum 1969 aperis 6 numeroj de La Internacia Fervojisto. La paĝnombro de la jarkolekto estas 108, kaj la nombro da ilustraĵoj (t.e. fotoj, insignoj kaj desegnaĵoj) estas 56. Fari kliŝojn estas sufiĉe multekosta afero, kaj sen pozitiva sintenado kaj bona helpo de ekstere, ni ne povus redoni tiom da bildoj en nia ĵurnalo kiel ni faris.

Mi sincere dankas al ĉiuj, kiuj helpis min fari la ĵurnalon plej eble alloga.

Mi insiste petas al tiuj kiuj kutimas sendi kontribuaĵojn, ke ili ne ĉesu, se iliaj verkaĵoj aperas ŝanĝita aŭ mallongigita, aŭ se ili tute ne aperas. Dum la redaktado oni devas elekti inter la plej leginda kaj aktuala materialo. Ne tro agrable; estas la aperigado de la longaj fakprelegaj tekstoj de la IFEF-kongresoj. Ili laŭregule aperu en la IFEF-ĵurnalo. En 1969 la fakprelego en Avignon okupis 3 numerojn, kaj tio fakte estis enuiga. Mi do esperas, ke ni venu al alia formo, ke sufiĉas redoni en la ĵurnalo nur resumon.

Pasintjare en la jarraporto, mi skribis ke la ekspedado de la ĵurnalo estis la granda problemo. Tiam mi tre ofte ricevis plendleterojn de multaj landoj, pri ĵurnalpakaĵoj kiuj malaperis dumvoje. Kune kun la respondeculo pri ekspedado en la presejo, mi esploris la kialojn ĉe la kompetenta norvega poŝtoficejo, kaj ŝajnas ke nun la sendado funkcias glate, ĉar la plendoj ĉesis. Por redukti la sendkostojn, ni radikale raciigis la ekspedsistemon. Antaŭe la ĵurnalo sendiĝis de la presejo al multaj unuopulaj adresatoj dise en la mondo, kaj sekve la afrankkostoj estis altaj. Nun ni sendas ĵurnalpakaĵon al *ĉefdistribuanto* en ĉiu opa lando, kie estas sekcio de IFEF. Tiuj funkciuloj ekspedas la ĵurnalojn al la membraro en sia lando, kaj ankaŭ al tiuj adresatoj, kiuj antaŭe ricevis ĝin de la presejo rekte.

Kiam ĉi tiu raporto verkiĝas, komencis nova epoko por la IFEF-ĵurnalo. Ĝi ricevis novan titolon, novan vizaĝon, kaj pli modernan formaton, nome DIN A5.

Al tiuj kiuj sendas al mi artikolojn, referatojn kaj bildojn mi petas: B.v. esprimi vin koncize, kaj nur pri temoj indaj en internacia ĵurnalo. Materialo de tro lokala karaktero povas esti interesa, sed pripensu, ĉu tiuj ne en unua vico havas sian ĝustan lokon en la hejmlanda bulteno, antaŭ ol sendi ĝin al la IFEF-redaktoro.

Same kiam temas pri informado antaŭ niaj kongresoj, ni ĝenerale evitu ke tio, kio staras en la kongreslibro, ankaŭ aperas en la ĵurnalo. Pro tio, karaj kunlaborantoj, nepre ne perdu kuraĝon kaj emon sendi al mi viajn kontribuaĵojn. B.v. rimarki la redaktlimtempojn kiuj estas la jenaj: 15.1. — 15.3. — 5.6 — 25.7. — 20.9 — 15.11. La aperdatoj estas proksimume 1 monaton poste. Esperante ke ni daŭre havu la saman bonan kontakton, mi salutas al ĉiuj. Mi atendas amason da leteroj kun artikoloj kaj bildoj — cetere opiniesprimoj, deziroj, kaj ankaŭ pozitivan kaj konstruktivan kritikon.

N-2340 Løten, la 24an de februaro 1970.

*Per Johan Krogstie.* Redaktoro

*

---

La redaktfino por la venonta IF estas 5.6.1970.

*

Presita ĉe presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio